3ª jaro - Nº 2 (21) (Publication mensuelle) Februaro 1935

# LA PIRATO

Kajeroj por Satiro, Humoro kaj Libereco... relativa

Ŝipestro : Raymond SCHWARTZ
Redakcio : 5. Avenue Galliéni
Courbevoie (Seine)

Hejma Haveno & Administracio :
J. SOLSONA
9, Rue Hallé, PARIS-14e

FRANCLANDO



KAPERAS ĈIUMONATE

## Opio kvietigas, sed Etiopio..... ?

# TARIFO DE L'ABONOJ

Unujara abono (12 numeroj) al LA PIRATO kostas

en Francujo . . . . . . . . . . . . . . . . . . 10 fr. fr.

en Landoj aliĝintaj al la Konvencio de Stockholm. . . . . . . . . . . . . . 12 fr. fr.

en aliaj landoj *) . . . . . . . . . . . . . . 15 fr. fr.

Oni povas pagi egalvaloron en aliaj monunuoj laŭ kurzo de l' tago, — per monbiletoj, respondkuponoj poŝtaj (1 kupono = 1,50 fr. fr.) aŭ per respondkuponoj de UEA (laŭ kurzo de l' tago).

Franca poŝta ĉekkonto :

J. SOLSONA, Paris 545.82

Ĉiuj pagoj estu farataj al

S-ro J. SOLSONA, 9, rue Hallé

PARIS-XIV[e]

*) Inter la ĉefaj landoj ne aliĝintaj al la Konvencio de Stockholm estas : Danujo, Granda Britujo, Italujo, Japanujo, Norvegujo, Svedujo, Svisujo, Usono.

# Ĉu ne?

---

Banala afero, pri kiu lastatempe, en diverslandaj gazetoj, oni multe parolis, multe pli ol ĝi meritis. — Juna, bela, itala boksisto, nomata Fiermonte, dum sia vojaĝo en Usono estis rimarkita de riĉega kaj iom maljuna sinjorino Astor, al kiu li plaĉis. Reciproke al la bela junulo multe plaĉis la milionoj de l'usonanino, kaj li konsentis forgesi edzinon kaj filon, malriĉan familion, restintajn en Italujo, por fariĝi sinjoro Astor-edzo. Jen ĉio. Kio malplaĉas al mi en tiu ĉi banala rakonto, estas la nomo de l'boksisto. Fiermonte? — Mi pensas, ke «Povraval» — kiel diras la poetoj — pli bone konvenus.



Dunikowski, ĥemiisto aŭ alĥemiisto, laŭdire malkovris la sekreton por fari oron. Kompreneble li ne prenas la oron el la aero. Li bezonas specialan teron, el kiu li ekstraktas la multvaloran metalon. Kiel vi vidas, tiu oro estas ter-oro. Sed estus malsaĝe, precipe en la civilizita nuntempo, pretendi, ke Dunikowski estas la inventisto de l'teroro.



La nuna konflikto inter Italujo kaj Etiopio ne estas la unua. — Jam en 1896 la samaj kontraŭuloj interŝanĝis, por pravigi siajn vidpunktojn, frapantajn argumentojn. Oni multe batalis precipe ĉirkaŭ la etiopia urbo Adua, kie la italaj taĉmentoj estis venkitaj. — Kiam, antaŭ kelkaj tagoj, italaj trupoj enŝipiĝis al Afriko, konata itala generalo adiaŭis ilin tre sprite per la vortoj: Nun iru kaj atentu! Ne rekomencu l'Aduan fojon!



Kaj nia kongreskomitato, dank' al tentantaj invitoj, allogaj priskriboj, iom post iom sukcesos eltiri el niaj poŝoj eĉ la lastan liron. Lertaj lirtiruloj! Ĉu ne?

Ale Ben Tarip.




# Nu, la Virinoj postulas la balotrajton

La demando pri la virina balotrajto devas esti zorge esplorata, ĉar oni povas antaŭkonjekti, ke, kiam niaj ĉarmaj kunulinoj voĉdonados, tio prezentos multajn konsekvencojn.

Oni povas jam apartigi ilin laŭ du ĉefaj grupoj (ni parolas pri la konsekvencoj), jene :

1-e) la bonaj, kaj

2-e) la malbonaj.

Antaŭ ol komenci ilian studon, ni devas tuj konigi nian opinion pri la afero mem. Ĉu estas juste konsenti la postulon ? Ni respondas senhezite : JES, tute same, kiel, ekzemple, ni firme kaj plenkonvinke rekonas al ĉiu la rajton trinki teon anstataŭ bieron, se li volas (ni solene asertas, ke tion propraokule ni jam vidis), aŭ eĉ stoike soifadi plue, se li preferas. Unu el la altaj principoj obeataj de la tuta pirataro estas la jena : « pri gustoj oni neniam disputu ». Plue, konsiderinde estas, ke sur nia ŝipo nia kara Sala Fumal plenumas ĉiujn taskojn same, kiel ĉiu el ni. (Estas nur tiu diferenco, ke ŝi faras ion, ne kiam necesas, sed kiam plaĉas al ŝi, sed tio estas, ĉu ne ? tute negrava). Kaj imagu kiel bela povas esti la spektaklo,

kiam ŝi grimpas tiel lerte kiel sciuro, supren en la velaron, por malimpliki ŝnurojn. Tiam — ĉar al ni ĉiuj ŝi estas kara, kaj ni tremas pro timo pri ŝi — ni tuj kolektiĝas ĉirkaŭ la piedo de l' masto kaj ni levas la okulojn al ŝi por esti pretaj ŝin ricevi en la brakoj, se ŝi defalus. *)

Sed ni lasis nin drive devojiri pro tiu sentimentala kaj emociiga bildo. Ni nur volis, el tio, ke nia amikino nin egalas sur la laborkampo, tiri la konkludon, ke ŝi devas nin egali ankaŭ sur la rajtokampo.

Tio estas la justeca flanko. Nun, ni revenu al la konsekvencoj.

. . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . .

Nu, ni longe suĉadis nian krajonon, kaj tamen nur unu bonan antaŭvideblan efikon ni trovis. Jen :

Pro sia noviceca incitiĝo pri la politikaj bataloj, niaj ĉarmaj kunulinoj elspezos sur aŭ ĉirkaŭ la podioj sian tutan spitemon — kiam ian ili havas, komprenéble, — kaj al ni restos nur iliaj ridetoj kaj iliaj sorĉantaj rigardoj. Do, tute bone.

Ankaŭ pri la timindaj sekvoj ni vane serĉis, skrapante nian verton. Nur unu solan nia imago prezentis antaŭ niaj okuloj :

Ĉu la balotoj ne estos oftaj ebloj por pravigi mendon de roboj kaj ĉapeloj ? Ĉu la novaj voĉdonantinoj ne sentos sin devigataj montri sian politikan fervoron, paradante en roboj koloraj laŭ la partioj elektitaj, ludantaj la rolon de agrablaj sed multekostaj flagoj ?

Restos al ni deziri, ke de partio al alia ili ne transiru tro ofte !

La dejoranta Pirato.



*) Fine, mi scias, kion signifas « pirata vidpunkto » ! (Noto de la tipografiisto).

# LA ESPERO

« Ta-ta-ra-ta-En-la-mond-on— ». Jes! Mi havas esperantan gramafono-diskon. Izola esperantisto, mi aĉetis ĝin, deziregante aŭdi la karan lingvon elparolata de alia. Tiukaze ĉu mi komprenos ĝin? Mian propran Esperanton mi komprenas perfekte — aŭ pleje.

Kiel mi, mia esperanta disko estas izola, sed ĝi havas honoran lokon aparte de la ordinaraj diskoj, por ke mi povu tuj ekpreni ĝin, kiam ajn freŝa verdstelula entuziasmo urĝas min. Sur unu faco troviĝas « La Espero », sufiĉe klara, almenaŭ tiel klara, kiel iu alia gramafona kanto, t. e., mi povas rekoni ĉiun vorton, kiun mi memoras el la poemo. Sur la alia faco troviĝas « La Tagiĝo ». Ŝajnas al mi, ke ĝi ne estas same klara, sed eble nur pro tio, ke mi legis tiun poemon unufoje antaŭ dudek jaroj kaj forgesis ĉion krom la titolo. Cetere la ario ŝajnas al mi netaŭga, ĝi estas vigla marŝario; mi ne tiel sentas tagiĝe. Sed eble la verkinto komponis ĝin en iu mateno, kiam li estis ekironta al iu nia internacia kongreso por renkonti sian preferatan korespondantinon? Kredeble. Do « La Tagiĝo » estas en malfavoro kaj ĉiam honte kaŝas sian vizaĝon. Sed pri « La Espero », kontraŭe, ĝi konscias ke ĝi estas favorita, emas sin ŝovi inter la operaĵoj, kaj, kiel mi klarigos, ofte ludiĝas.

Mi ŝategas tiun arion? Nu, malkaŝe mi konfesos, ke ĝi ne kontentigas min, ne tute, ĉar ĝi ŝajnas al mi iom banala por tia glora celo. Atendu momenton! Ne frapu min! La samideanaro akceptis ĝin, kiel la nacian himnon de Esperantujo. Oni same plendas pri aliaj famaj himnoj, almenaŭ ĝi estas plaĉe inspira kaj ĝojiga, bona por esperantisto aŭ iu alia senmonulo. Ni akceptu la situacion. Ni ne komencu diskutadon pri muzika reorganizado, tiukaze oni koleriĝus kaj insultemiĝus kaj U. E. A. devus havi novan muzikan fakon en Ĝenevo kun nova Direktoro kaj nova konsilantaro kaj — la afero restus ĝuste kiel antaŭe. Ne! Anstataŭe mi diros al vi, kiel mi utiligas mian « La Espero ». Efektive, ĝi tiel ofte ludiĝas, ke bedaŭre mi devis enskribi en mian esperantistan budĝeton por la venonta jaro, « Nova disko : " La Espero " ».

Kial? Tial. Unue, per ĝi mi substrekas la gravajn datrevenojn, la 15-an de Decembro kaj ceterajn. Due, ĉiufoje kiam korespondanto aŭ gazeto sciigas min pri frapa sukceso de la kara lingvo, mi solene festas tion per « La Espero ». Tuj mi ekprenas la diskon kaj kuras al la gramofono kaj la vigligaj notoj de nia himno brue invadas la ĉirkaŭaĵon. Sendube la najbaroj interdemandas : « Kia estas tiu nekonata kanto, ĉu hispana, ĉu itala, kiun oni tiel konstante ludas ĉe la domo kun verda stelo sur la pordo? » Kompatindaj sensciuloj! Neniam ili ĉeestis esperantistan kongreson! Ĉu mia kutimo ne estas aprobinda, rekomendinda, alpreninda, imitinda kaj tiel plu? Ĉiu diskofabrikisto, kiun mi demandis, senhezite respondis, ke jes. — Ta-ta-ra-ta ».

V. V.

## SCIENCO KAJ PRAKTIKO



*Hermann Linseisen*

INSTRUISTO. — Diru, Peĉjo, ĉu vi scias, kio estas turkiso?

PEĈJO. — Jes, sinjoro, lastan dimanĉon mi akompanis mian fraton kun lia fianĉino sur la Eiffelturon.

# Senkapigo

Dum sia vizito en Parizo la aŭstra kanceliero Ŝuŝnigg, kiu estas ankaŭ granda amiko de Esperanto, konsentis akcepti nian kunlaboranton Pulbuŝel en sia vestiblo. Ili tre intime studis kune la situacion de Aŭstrujo kaj Pulbuŝel opiniis: « Se iam la nacisocialistoj triumfus en via lando, ili kredeble senkapigus vin. » — « Ili faru, » kuraĝe respondis la kanceliero, « tio ne multe ĝenos min. Jen la kapo de Ŝuŝnigg! » kaj tion dirante li demetis siajn ŝuojn, dum ridetante li aldonis: « Sen kapo mi estos Ŝnigg. Ankaŭ bela nomo. » — Kaj li remetis sian kapon al la piedoj.

# FAZEOLOGIO

Kia admirinda familio estas nia piratarο! — Kiam temas pri seriozaj, sciencaj enketoj, niaj amikoj kun bela entuziasmo, kun nobla laboremo ekkaptas tuj la plumon por senŝeligi la kernon de l' problemo.

Responde al nia Enketo pri Fazeolo (vidu p. 11, jan.nro) ni ricevis, kiel kutime, nenombreblajn respondojn. Unuj senĝene kaj krude insultas nin, — aliaj iom pli modere nur riproĉas — tial, ke ni ne hontis tuŝi temon «nepre evitindan en ĉiuj mondumaj salonoj». Tiuj sendube miskomprenis nian intencon. Ni neniam volis fari nur malbongustan ŝercon, sed trovi, en la intereso de ĉiuj, ĉu ekzistas internacie akceptebla rilato inter fazeolo kaj elefanta bruo. Tial, kaj nur tial, ni invitis niajn amikojn al komuna, profunda studado de l' problemo sub ĝiaj diversaj aspektoj, esperante, ke dank' al kontribuo de ĉiuj ni sukcesos klarigi la situacion. Kaj ni sukcesis.

Por eviti pluajn riproĉojn de tro facile ŝokiĝemaj delikatuloj, ni petas primediti, ke ĉio, kio estas homa, estas natura, estas deca, kiam oni alportas al ĝia pristudo la necesan seriozecon kaj la nehipokritan purecon de blanka animo. Scivolemo rilate al afero tiom grava, kiom la nuna, ne estas peko, sed la unua bazo de ĉia progreso. En tiu ĉi okazo ni neniel estas senrespektaj farsuloj, sed ni estas kompareblaj al instruiĝema kuracisto, kiu distranĉas certajn kadavropartojn ne pro buba petolemo, sed kun laŭdinda intenco: Utili al la Scienco. Jen, kiaj ni estas!



Post tiu ĉi prologo, necesega pro nia propra protekto kontraŭ maljustaj atakoj, ni enmarŝas fiere en la temon mem.

Ne estas eble, en la kadro de tiu ĉi altnivela kajero, citi ĉiujn respondojn ricevitajn. La plej ĝis-

funda estas sendube la tre dokumentita komunikaĵo de nia amiko, prof. Essival, kiu — estante mem el Bruselo — povis plej kompetente diskrakigi la bruŝelon de l'problemo por atingi la kernon. Sed ni ne publikigos ĝin, ĉar la eminenta profesoro uzis tro da teknikaj terminoj ne tuj kompreneblaj por vulgara laikulo. Ni kontentiĝas citi la matematikan formulon, kiun li fiksis por montri la rilaton inter la kaŭzo kaj la efekto:

$$\left(\frac{a\,x + b}{c\,x + d}\right)^2 + \frac{a\,x + b}{c\,x + d} + e = O$$

El la poŝtkarto de ĥina korespondanto ni konstatu nur, ke «en la sudaj provincoj de l'Norda Ĥinujo oni kutime diras fazeolumi anstataŭ uzi la malpli ŝatatan oficialan vorton.» Tio estas tre interesa. — Sed por resumi la situacion sufiĉos reprodukti preskaŭ senŝanĝe la ateston de angla scienculo, verkitan en mirinde simpla, populara lingvo, sub aspekto de iom amuza, sed kiom instrua anekdoto! — Tamen, por ke ĉiuj, eĉ personoj tro tikliĝemaj aŭ tro superece edukitaj, povu legi — sen kolapso nek sinkopo — la ĉi suban «veran okazintaĵon», ni anstataŭis en la teksto la ofendan vorton fazeol' per X kaj la evitindan esprimon «fari la bruon» per Z. Ni faris nian devon, faru ankaŭ vi la vian.

☆☆☆

# La Surprizo

Tio okazis la 23-an de aprilo 1933-a.

Estis la unua geedziĝo-datreveno de juna paro. Kaj tiun matenon la edzineto diris al li: «Ĉu vi memoras, karulo, ke hodiaŭ estas por ni ĝojtago? — Por dece festi ĉi tiun belan datrevenon, mi projektis fari al vi grandan surprizon. Sed por bone prepari ĉion mi bezonas la tutan tagon. Vi do estus tre afabla, se

hodiaŭ, anstataŭ hejmenreveni je tagmezo, vi konsentus, unu fojon, tute escepte, manĝi en restoracio. Ĉu?» — Kompreneble, la edzo plezure konsentis, tiom pli, ke de tempo al tempo estas plaĉe manĝi el aliaj kaseroloj. Kaj, kiel estis interkonsentite, tagmeze li iris al restoracio. Iom li hezitis, studante la manĝokarton, kaj ne sciis kion mendi, ĉar sur la karto estis amaso da ŝatindaj delikataĵoj, kiajn hejme li ne ofte ricevis. Jen, ekzemple, estis «Kolbasetoj kun X'oj». *(French beans)*. Tiuj anĝelaj X'oj, kiujn li tiom ŝatis! Bonege, li pensis, tion mi manĝos. Kaj vere, ili estis tre, tre bongustaj, tiel, ke li tuj mendis duan porcion. Pli kaj pli bongustaj. Prenu diablo ĉian hezitemon kaj stultan hontemon! Li ne povis kontraŭstari kaj manĝis trian porcion. Estas fakto, ke li manĝis ĝissate. Almenaŭ.

Vespere, kiam li alvenis en sia hejmo, la edzineto tuj kuris al li, kisis, kiel decas, nek tro longe, nek tro mallonge, kaj informiĝis: «Nu, karulo, ĉu vi ne tro suferis en la restoracio? Ĉu estis bone? Vi estas vere tre afabla, ke vi lasis al mi la tempon. Tamen, ankoraŭ la surprizo ne estas tute preta, tial permesu, ke mi ligu tukon ĉirkaŭ viaj okuloj. Post kelkaj momentoj ĉio estos en ordo, tiam vi povos miregi.»

La edzo, kiu certe havis tute viran, t. e. tute bonan karakteron, refoje akceptis la kapricon de l'edzineto, kaj kiam dika tuko fermtenis liajn sciavidajn okulojn, ŝi kondukis lin en la manĝoĉambron. Tie, subitege, li ne povis malhelpi la bezonon Z'i. Kompreneble, li neniam konsentus tion fari dum ĉeesto de sia edzino. Necesis do ŝin forigi, kaj tuj, sed kiel? — Feliĉe li rapide elpensis taŭgan ruzaĵon.

«Aŭskultu, karulino, ĵus iu frapis ĉe la pordo. *(Somebody knocked at the door.)* Ĉu vi ne volas iri por vidi, kio okazas?»

«Sed mi ja nenion aŭdis. Vi kredeble eraras.»

«Ne, nenene! Mi estas absolute certa; iu frapis. Bonvolu do!»

«Nu, bone, se vi tiel opinias, mi jam iras.»

La edzineto iris por malfermi la pordon... Kun liberiga ekspiro la malfeliĉa edzo povis fine Z'adi senĝene. — Estis tempo, ĉar jam la edzineto revenis.

«Vi eraris, karulo, ĉe la pordo estis neniu!»

«Ĉu eble?» li diris, «estas strange, — mia impreso trompis min; bonvolu pardoni. — Sed ĉu vi ne baldaŭ liberigos miajn okulojn?»

«Jes,» ŝi kontente ridetis, «nun la surprizo estas preta, jen vidu!» Ŝi forprenis la tukon kaj la mirigita edzo vidis la grandan, feste kovritan tablon, ĉirkaŭ kiu... solene sidis dek-kvin invititoj.



Provizora fino de la ĉapitro pri Fazeologio.

A. B. C. Awful.



## BICIKLISTOJ, ATENTU!

### Utila averto je alproksimiĝo de baldaŭa printempo

Amo sur biciklo estas same danĝera kiel amo en aŭtomobilo. Motorbiciklo feliĉe preskaŭ ne ebligas aktivan amon.

Por amanta juna paro ne sufiĉas ami, kiam ge-ili staras sendanĝere sur siaj reciprokaj kruroj. Ili ankaŭ bezonas ami, kiam ili biciklas. Ili faras tion en diversaj manieroj. Ĝenerale ili komencas per surmeto de la manoj. La rapideco malpliiĝas tiam de 15 ĝis 12 km. ĉiuhore. Poste sekvas la interplektado de la brakoj; rapideco 10 km. — Tiam mano serĉas manon tra la interplektitaj brakoj; rapideco 8 km. ĉiuhore. Poste premado de la brako de l'junulo ĉirkaŭ la talio de l'junulino; rapideco 5 km. — Fine rigardado en la okulojn, unu de l'alia kaj finfine direktiloj intermiksitaj. Jam estus pli bone halti, se troviĝas apud la vojo gastigema heĝo.

Se ili havas bonŝancon, la geamantoj havas nur grataĵojn kaj la bicikloj estas apenaŭ difektitaj. Kelkfoje tamen, kiam subite alvenas aŭtomobilo, povas okazi vera akcidento. Tiam la amidilio finiĝas en ambulanco.

A. v. D. H.

# Konfidence ! Sekrete !

## Ebla ŝanĝo en la kongresprogramo

La sekvantan sciigon, kiu estas ekskluzive rezervita por nia elita legantaro, ni dankas al nesingarda trobabilemo de iu komitatano. Ni ne povas malkaŝi publike, per kiuj komdamnindaj, kvankam agrablaj rimedoj ni sukcesis paroligi la komitatanon, sed ni ne hezitas komuniki al niaj abonantoj la interesan novaĵon. Nur, ni insiste petas, ke niaj legantoj konsideru ĉi tiun komunikon kiel tute konfidencan kaj ne distrumpetu ĝin antaŭtempe. Jen :

« La Organiza Komitato, ĉiam preta ekspluati la aktualecon kaj la senfinajn eblecojn de l'itala turismo, nuntempe tre aktive preparas la kongresan surprizon. Jam ĝi starigis provizore la definitivan projekton pri eventuala krozado al la nova itala kolonio Etiopio. — Sur la programo, i. a.:

Ekskurso al Addis-Abeba (15. aŭg.); se la cirkonstancoj permesos, oni uzos tankojn. (Krompago 15 liroj). Ĉiuj detaloj estos publikigataj poste. »



Ni ripetas, ke tiu ĉi dokumento havas nepre sekretan karakteron. Do, silentu !

---

*El Ĝeneva* Esperanto *(Okt.-Nov. 1934) : « Dum multaj jaroj la sama voĉo venis el Ĝenevo : 1.000 Membroj-Subtenantoj kaj ni savu U. E. A. ! Simpla aritmetiko, kiu respondas al 100 °/₀-a burokrata cerbo », diras S-ro Petit sur paĝo 144. — Sed sur paĝo 154 S-ro Kreuz diras : « Ĉiu Membro-Subtenanto rajtas ricevi belan premion. 400 samideanoj profitis la okazon en 1934. Imagu, se almenaŭ 1.000 imitus la ekzemplon en 1935, kiom ni progresus ! »*

*Ĉu reciprokaj honor-ofendoj aŭ amikaj laŭdoj ? — Sed nia karavano marŝas, malgraŭ gvidantaj « devizoj ».*

# Sincera letero al influhavaj anglaj amikoj

Karaj, — io, kvazaŭ terura spektro, premas min. Malagrabla antaŭsento min obsedas. Tial pardonu, se hodiaŭ mi turnas min al vi.

Via simpatia tronheredonto, Princo de Wales, kies kravatojn kaj entute sobran elegantecon mi ĉiam admiras, ĵus pasigis kelkajn tagojn en la aŭstra montaro. Tion, kompreneble, mi neniel riproĉas al li. Pli pura estas ĝojo de l' skio ol de l' viskio! Kaj pli sendanĝera ol ĉevalo. Konsentite. Sed, — kiel asertas bone informitaj gazetoj — li iris al Kitzbühel ne por reklami novmodan sportkostumon, sed por renkonti tie la ĉarman princinon. Kaj inter ambaŭ firmiĝis geedziĝprojekto.

Ne kredu, ke mi estas ĵaluza! Vi ja bone scias, ke mi havas, kion mi bezonas. Ne pro stulta envio mi nun helpokrias, sed pro kompato al la homaro. Se la bela projekto, starigita inter la aŭstraj montoj, ne fandiĝos baldaŭ, kiel la neĝo, ni timu la lavangon!

Memoru, karaj, kiom ni suferis antaŭ kelkaj monatoj pro simila lavango, kiu tamen, kompare kun la nun minacanta, estis nur bagatelo: Kiam edziĝprojektis alia reĝofilo, malpli fama, kun la bela princino Marina. Dum semajnoj ni ne povis malfermi gazeton aŭ iri en kinejon ne ricevante perforte detalojn pri la moŝta paro. Apenaŭ sufiĉis la riĉeco de l' homa lingvo por priskribi la robojn, bluzojn kaj ĉemizojn de Marina. La ekranoj ne estis sufiĉe larĝaj por enteni la beatan rideton de l' feliĉaj gefianĉoj. Kaj la modo mem kliniĝis sub la sceptro de Marina. Fi al la virino, kiu ne havis Marina-ŝtrumpojn, Marina-gantojn, Marina-brustozonon, Marina-butonojn! Feliĉe, la Marina-epidemio ne daŭris eterne kaj hodiaŭ oni ankoraŭ marinas... nur la haringojn. — Sed imagu, kion ni devos toleri, se realiĝos la granda projekto ĝis nun nur skizita! El tia inundo neniu saviĝos. Eble estos la fino de l' mondo.

Karaj, — se restas ĉe vi iom da influo, kompatu nin. Klarigu al via afabla princo, kiom feliĉa li estas nun. Konvinku lin pri la eterna vero entenata en la vortoj de sankta apostolo Paŭlo: « Edziĝi estas bone, sed ne edziĝi estas pli bone! » — Se vi sukcesos, en la nomo de l' homaro, por ĉiam mi estos

via dankema

Sala Fumal.

# For la perantojn!




Kiel ĉiuj simboloj, ankaŭ la nunjara kongresemblemo havas signifon, eĉ tre interesan, aktualan kaj primeditindan signifon. Ni ektrovu ĝin kune. — Rigardu: Sub la lupino estas la junaj sinjoroj Romulo kaj Remo (de maldekstre dekstren), kaj sub la junaj sinjoroj troviĝas la literoj S. P. Q. R., kiujn la kongreskomitato tien metis ne hazarde, ne senscie, sed kun saĝe dozita intenco. Ili signifas, en la malnova latina lingvo: *S*ine *P*erantum *Q*uietis *R*egalandum, — kiun aksiomon ni povas traduki jene en nian modernan lingvon:

Sen peranto, kvieta regalado.

Sufiĉas rimarki la puran ĝojesprimon sur la vizaĝoj de l' infanaj trinkantoj, sufiĉas konstati la serenan ondiĝon de iliaj ventretoj, por kompreni la justecon de tiu proverbo. Efektive, la peranto estas plago de nia epoko. Ĉie li intermetas sin por plikompliki la regulan funkcion de l' ekonomia aparato kaj ankaŭ por enpoŝigi la profiton. Kiom da perantoj staras, ekz., inter la ovoproduktanta kamparano kaj ovokuko sur restoracia tablo! Tial kuraĝe, obeante la eminentan ekzemplon de niaj kongresaj patronoj Remo kaj Romulo (de dekstre maldekstren), ni turnu nin rekte al la fonto. Ni persone konas kelkajn bovinojn, kokinojn, porkojn (pro la ŝinkoj), poetojn ktp., kiuj liveras mem rekte, senpere, al la konsumanto. Iliajn adresojn ni volonte komunikos al interesatoj kontraŭ 10,— fr. fr. por kovri niajn elspezojn.

For la perantojn!

PROF. I. TONTO.

# LA GALERO DE L' PIRATOJ



Kio estas tio? — Tio estas nia bona amiko kaj kunlaboranto Raymond Laval. Sur nia ŝipo la nomita pirato estas konsiderata kiel ne tute normala, ĉar li ne posedas pipon, ne ŝatas aperitivojn, ĝenerale sin nutras vegetarane kaj praktikas naturismon. Kaj tamen li estas vulkano. Al li ĉiam estas tro varme. Dumvintre, eĉ kiam frostegas, li promenas tra la urbo sen surtuto, sen veŝto, kun somera ĉemizeto larĝe malkovranta lian bruston, kvankam viran tamen ne senornaman, kiel atestas la supra bildo. Ni povas nur bedaŭri, ke niaj ĉarmaj samideaninoj neniam konsentis adopti la saman vestkutimon. Kompreneble, kiam la ekstera temperaturo altiĝas, precipe dum la someraj krevtagoj, Laval estas malfeliĉega. Oni tiam renkontas lin kun glacipecoj en la poŝoj. Estas nekredeble, kiom da kalorioj tiu homo povas produkti. Sed kiel forno li ne estas utiligebla. Li estas ĉastemulo. Tio signifas, ke lia preferata temo estas ĉasrakontoj. Ĉar li ĉasas... karikaturindajn modelojn. Lastan fojon li kaptis sin mem, kiel vi povas konstati ĉi supre.

Laval estas eminenta desegnisto, tial, sur nia ŝipo, ni volonte pardonas al li liajn strangajn pasiojn. Plue li estas tre simpatia individuo, kiun neniel ĝenas, se ĉirkaŭ li aliaj fumas, trinkas, viandumas aŭ karnumas. Sed ankaŭ laŭ alia vidpunkto li estas eksterordinara tipo : Tiu homo, imagu, legis la tutan Inferon de Dante ne nur en pluraj naciaj lingvoj, sed ankaŭ en la Esperanta originalo. Kaj li estas preta rekomenci.

J. Solsona.






**Modesta sed ĝusta.** — Hungara Heroldo reaperis kiel « kvaronjaraĵo, tute en Esperanto, kun subtitolo *Mezeŭropa Revuo*.» — Por esti pli certa, ke aliaj gazetoj favore recenzos pri la dirita Heroldo, ĝia redakcio tre saĝe preparis mem la recenzon: « La plaĉa revuo enhavas interesajn artikolojn... ktp. » — Per si mem, tio ne estas stranga. Strange estas nur, ke la redakcio de H. H. neniel troigis.

**Profeto?** — Tiu unua numero de la Hungara Heroldo aperis komence de februaro. Sub la rubriko « Korespondo » la redaktoro L. Kökény diras al S-ro H. Barthelemy, en Addis-Abeba (Etiopio): « Mi timas, ke la kontrakto inter Francujo kaj Italujo ne favoros al via lando. » — He, he! — Jen homo, kiu havas bonegan flarorganon!

**Mecenato.** — Tre interesa verko, kies speco ĝis nun tro senteble mankis en nia literaturo, estas la *Decamerone* de Boccaccio. Se ni ĝuste interpretas la flustraĵojn de l' noktaj ventetoj, nia bona amiko Waringhien (unu el la ĉefĉevaloj en la stalo de Literatura Mondo) prizorgas la Esperantan tradukon de l' fama verko. Oni scias, ke la italdevenajn verkojn publikigitajn ĝis nun ĉe la konata budapeŝta eldonejo financis S-ro Gino Catarzi. Ĉu ankaŭ la Esperanta eldono de l' *Decamerone* dankos sian originon al nia ora Gino?

**Revenu!** — Siatempe, kiam nia bona amiko Delanoue, pro siaj senrespektaj atakoj, en Antverpeno kaj historiaj flugfolioj, kontraŭ la tiama estraro de UEA, estis eksigita kiel ĉefdelegito (ne kiel membro, ĉar li ja estis, kaj estas, dumviva membro!) ankaŭ la franca Esperantistaro post unu hezita kontraŭstaro submetiĝis al la decido de UEA, kaj iom post iom forgesis la iaman ĉefdelegiton. Intertempe multo ŝanĝiĝis, eĉ ĉe UEA. Kaj subite kelkaj fideluloj rememoris la eksdelegiton. Kaj ili alloge susuris: Revenu, revenu! — Kaj la eksdelegito respondis: Dankon, — nun mi estas kuracita.

**Atuto.** — La Esperantistoj estas idealistoj, kaj nenion komprenas pri praktikaj aferoj.

Nenio pli akcelas sukcesan reklamon ol brua skandalo aŭ bela proceso. Ekzemple, ĝis antaŭ

nelonge neniu en Parizo konis fraŭlinon Joan Warner, kiu dancis en nokta amuzejo kaj en 200 %-a Evkostumo (tio estas minus la figfolio). Sed de kiam severmora ministro persekutis ŝin pro «atenco kontraŭ la bonaj moroj», ĉiuj Parizanoj kuras por vidi, kaj admiri ŝin.

Aperos baldaŭ la nova romano de Julio Baghy « Sur Sanga Tero ». Ŝajnas, ke tio ja estas la libro, kiun siatempe Literatura Mondo anoncis sub la titolo « Infero », je epoko, kiam nia bona amiko Julio Baghy estis ankoraŭ kontrakte ligita kun la fama budapeŝta eldonejo. Sed la poeto, por kiu la tempo ne havas signifon, ne liveris la manuskripton ĝustatempe. El kio rezultis eĉ bela proceso inter la aŭtoro kaj la eldonisto. Tre interese, tre amuze. Kaj jen bonega reklamobjekto por *« lanĉi »* la novan romanon. Sed por inde ekspluati tiun atuton necesus la talento de nia bona amiko Bleier.

**Jubileo.** — Dum lasta decembro nia produktema romanverkisto H. J. Bulthuis, Sekretario de nederlanda Ekzamena Komitato, festis sian 25-jaran Esperantan Jubileon. Okaze de tiu solenaĵo nia bona amiko, Frato Wigbertus van Zon, verkis altnivelan poemon, kiu estas eĉ kantebla laŭ la konata melodio « De Schutterij ». — La dua strofo, ĉiam parolante pri S-ro Bulthuis, tekstas jene :

De ĉiu ekzamen'
Li estas ja la akso ;
En hejmo kaj kunven'
Neniam ia lakso !

Ni ne dubas, ke Frato Wigbertus van Zon havis la okazon konstati, ke dum la kunvenoj S-ro Bulthuis neniam suferis pro lakso, ĉar estus ja malfacile tion kaŝi, sed ni demandas nin tre humile, kiel nia simpatia Frato povis certiĝi ankaŭ pri la hejma senlakseco de l' eminenta jubileulo ?

**Teniso.** — El februara numero de Pola Esperantisto : « Grenkamp forflugis malproksimen, parizaniĝis, franciĝis... » — Unu ! — El februara programo de la Pariza Grupo : « S-ro Grenkamp-Kornfeld, pola ĵurnalisto. » — Du ! — Kiu, por fini, estos venkita kaj konservos la pilkon ?

**Ho pudoro !** — Kiel emblembildon de l' kongreso la L. K. K. tre saĝe elektis la roman lupinon nutrantan la ĝemelan paron. — Ho mallerta L. K. K. ! Malbonmora, fiodora ! — Jam ĝi ricevis tre akran riproĉleteron de fanatika ĉastemulo, kiun ĝenas la vido de tia sceno : Multaj mamoj, suĉantaj infanoj, kiuj — ve kaj ve ! — estas tute nudaj. Skandalo ! — Kio pleje ĝenas nin en tiu ĉi priridinda afero, estas la fakto, ke la riproĉleteron skribis franco...

**Mondfamo.** — Oni povas, en la nun okazanta Ekspozicio de l' Sendependuloj (pentristoj, skulptistoj) en Parizo, vidi bronzan buston de Zamenhof, verkon de nia bona amiko Ludovic Rodo. Kompreneble oni ne povis profiti ĉi tiun okazon por propagandi. La vizitantoj, se ili kapablas, admiras la buston kaj foriras. Foriras demandante unu la alian : Kiu estas tiu viro ?

**Rekordo.** — En Parizo estas multaj Esperantistoj. Preskaŭ tro. Sed kiam oni bezonas iun, ekzemple por deĵori kiel « aparato » dum Ĉe-metoda kurso, estas malfacile trovi propravolan sinoferanton. Tamen, por la kurso, kiun nuntempe faras nia pli kaj pli fama kunlaboranto Roger Bernard, enskribiĝis proksimume 27 deĵorpretaj aparatemuloj. Jen bela ekzemplo de vigla oferemo. — La kurso okazas ĉiulunde en supera klaso de porjunulina altlernejo. 54 kursaninoj. Ĉiuj ĉarmaj.

**Medito pri difino.** — « *Krimo.* Ago, per kiu morala aŭ civila leĝo estas plej grave malobservata (mortigo, malvirgigo, ktp.) »

Plena Vortaro.

Sed ekzistas esceptoj. Tre ofte mortigo estas rekomendata, ekzemple dum milito, — kaj tre ofte malvirgigo estas aprobata, ekzemple dum geedzeco. — Resume, oni povas diri, ke la Milito renversas ĉiujn sanajn principojn. Ĉar geedzeco ja ankaŭ estas milito.

☆

## EL ANONCO

« Inteligenta, kaj tamen edziĝema junulo serĉas junulinon por kunvivo harmonia. Ĉar harojn li havas mem, ŝi alportu nur la monon. Kandidatinoj sendotaj estas forsendotaj. »

### LA POŜTOSAK' DE L' ŜIPANAR'

Al S-ro S. J. W. en L. — Por klarigi, kial vi estas malgranda, vi verkis poemon. Sed la poemo estas pli longa ol vi. Respektu la proporciojn ! Tamen dankon ! Eble ni uzos vian talenton.

Al Ilekso. — Dankon pro ĉio, kaj gratulojn. — Ni sukcesis rehavigi al ni la n-ron 9 kaj sendis ĝin al vi. Ĉu vi ricevis ?

Al S-ro B. B. W. en D. — Ni esperas, ke ĉio estas en ordo nun.

Al S-ro Del. en L.-les-C.-S. — Ĉu vi komprenas nun, ke ni komprenis ? « Senrankunan » kison de Sala Fumal !

Al S-ro Giovanni P. en R. — Mobilizado ne estas milito ! — kiel oni diris jam en 1914.

Al S-ro J. E. S. en T. — Dankon pro afabla donaco. Eble uzota dum la fojnorikolto. Sendu aliajn, se eble kun teksto.

Al S-ro L. K. en W. — Nekontesteble, ankaŭ la konjunkcion *nek* li perfortas. Sed ankaŭ pri ĝi li skribos artikolon. Kaj tamen, al ni ŝajnas tiu *nek* tro pola.

*Le Gérant :* Roger BERNARD.

Presejo J. SOLSONA, 9, rue Hallé, Paris-14e — Tél. Gobelins 62-71.

## NIAJ ABONEJOJ

*Aŭstrujo :* S-ro Alfred Klein, Flossgasse 7/4-a, *Wien II.* — Unu jaro : S. 5,—.

*Ĉeĥoslovakujo :* Ĉeĥoslovaka Asocio Esperantista, Uralské 447, *Praha-XIX.* — Unu jaro : Kr. 20,—. Poŝĉek-konto 12.371 Praha, « Svaz cs. esperantistu ».

*Germanujo :* Friedrich Ellersiek G. m. b. H., Wilms-Str. 5, *Berlin S. W. 61.* — Postscheckkonto : Berlin 293 18. — Unu jaro : RM 2,10.

*Granda Britujo :* The British Esp. Association, Inc. 142, High Holborn, *London W. C. 1.*

*Hispanujo :* S-ro S. Alberich-Jofrè, Pérez Galdós, 45, *Barcelona.* — Unu jaro : Pesetoj 6,—.

*Italujo :* Esperanto-Centro Itala, Galleria Vittorio Emanuele N. 92, *Milano* (Conto Corrente Postale 3/18715). — Unu jaro : Lit. 12,50.

*Japanujo :* Japana Esperanto-Instituto, Hongoo-Motomaĉi, *Tokio.* — Unu jaro : 3,50 jenoj.

*Nederlando :* Esperanto Instituto, Postbus 81, *Venlo.* Poŝtĉek-konto : 230 505. — Unu jaro : Guld. 1,25.

*Polujo :* Librejo N. Szapiro, Nowolipki 8, *Warszawa.*

*Svedujo :* S-ro Oskar Svantesson, Mariagatan 7-9 A, *Göteborg.* Sveda poŝtĝira konto 62252. — Unu jaro : Kr. 3,75.

**Abonoj povas komenciĝi ĉiumonate.**

